# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

31a jaro | Julio – Aŭgusto 1979 | N-ro 4

Inaŭguro de la 31a IFEF-kongreso en Turku.




Parolado de s-ro RÖMER
Ĉefdirektoro de la Finnaj Fervojoj




Parolado de s-ro GIESSNER
Prezidanto de IFEF

- fotoj Olsen -

## DENOVE POLA LANDA ASOCIO EN IFEF

Nur post la kongreso de Turku atingis nin la 16an de julio la oficiala aliĝpeto flanke de Pola Esperanto-Asocio por nova pola landa asocio de IFEF. Krome alvenis la kotizoj por 20 personoj en la dana banko de IFEF.

Laŭ la unuanima decido de la IFEF-komitato en la plenkunsido Turku la kondiĉoj por la realiĝo de pola landa asocio do estas plenumitaj. Sekve kun efiko de 16.7.1979 denove ekzistas tiu asocio. Estraro, komitato kaj la tuta membraro kun ĝojo kaj kore bonvenigas la polajn kolegojn. Ni esperas, ke baldaŭ ni povos persone saluti multajn el ili en niaj kongresoj.

Per tiu aliĝo finiĝas dumjaraj klopodoj regvidi la polajn kolegojn en la vicojn de ilia internacia kolegaro. Ĉi-loke ni dankas al ĉiuj, kiuj kunhelpis en la realigo.

La pola komitatano estas

inĝ. Czeslaw Zawrot,
Koronowska 73a,
PL 85-405 Bydgoszcz.

Tiu adreso provizore ankaŭ validas kiel asocia adreso.

La estraro.

## NOTO DE LA REDAKTORO

Pro manko da spaco, ni donos al la unuajn informojn pri la venonta 32a IFEF-kongreso en NEDERLANDO (16.-22. de majo 1980), en IF 5 (kiun vi ricevos en oktobro).




## INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550 - DK 9800 Hjørring - DANIO

# PROTOKOLO PRI LA PLENKUNSIDO ESTRARO/KOMITATO EN LA 31a IFEF-KONGRESO LA 19-an DE JUNIO 1979 EN TURKU.

1-a parto.

Mallongigoj:
K-o = komitato, k-ano = komitatano, l.a. = landa asocio, Pr = prezidanto,
Vp = vicprezidanto, Sk - sekretariino, Ks = kasisto, Rd = redaktoro,
Ĉk = ĉefkomitatano.
Por landaj nomoj ni uzas la aŭtomobilkodojn.

1. Malfermo
Pr informas la ĉeestantojn pri kelkaj decidoj faritaj en la nepublika kunsido:
- La ĝisnuna ĉefkomitatano de Sutter (B) estas unuanime reelektita.
- La k-o unuanime konsentis la distingon de la vicprezidanto van Leeuwen per la ora medalo de FISAIC.
- Pr dankas speciale al la bonvolaj helpantoj kol. E.H. Olsen (DK) kun lia edzino kaj la edzino Erna de s-ro Hauge, kiu eĉ mem kunhelpas. Ili laboras sub malfavoraj kondiĉoj, tamen jam hodiaŭ aperos n-ro 2 de la Kongresa Bulteno.

Pr atentigas, ke venontjare VP kaj SK eksiĝos el la estraro.

Konstato de la mandatoj

| Lando | Komitatano | Observanto |
|---|---|---|
| Aŭstrio | Franz Scharf | |
| | Walter Huber | |
| Belgio | Lucien de Sutter | |
| Britio | Peter Harvey | |
| Ĉeĥoslovakio | - | |
| Danlando | Gunnar Thuesen | |
| Finnlando | Nils G. Narvala | |
| Francio | Pierre Robiolle | |
| | Robert Coyac | |
| | Henri Deum | |
| Germanio | Willi Grass | |
| | Joachim Schrapp | |
| | Gernot Ritterspach | |
| | Werner Lepke | |
| | Klaus Böhnke | |
| Hispanio | Ramon Gimenez | |
| Hungario | Istvan Gulyas | |
| | Johano Patay | |
| Italio | D-ro Romano Bolognesi | |
| Jugoslavio | Joan Mirkoviĉ | |
| Nederlando | Jaap Labordus | Johano Poptie |
| Norvegio | Per Engen | E.P. Ness |
| Pollando | - | |
| Rumanio | - | |
| Svedio | Evert Rausek | Stig Carlsson |
| Svisio | - | Ernst Schaufelberger |

Kiel Gasto Otto Walder, Honora Membro de IFEF.

Ĉeestas 21 voĉdonrajtaj k-anoj (Britio mankas).

Labordus (NL) proponas trakti la venontan kongreson (pkt 13) jam nun, por ke ili havu tempon prepari kelkajn ŝanĝojn en la kunportitaj aliĝiloj. NL oficiale invitas la 32-an kongreson al Meerdal (America) por 16.-23.5.1980.

La komitato akceptas unuanime.

2. Ricevitaj telegramoj kaj leteroj.
Sk laŭtlegas ekstraktojn.

(La brita k-ano nun ĉeestas).

3. Raportoj estraraj.
3.1 de sekretariino (IF 2, paĝo 21) - unuanime akceptita. Ritterspach (D) atentigas al la eldonita TCV, kiu ankoraŭ haveblas senpage.
3.2. de redaktoro (IF 1, paĝo 10) - unuanime akceptita. Rd aldonas, ke kritikoj kaj proponoj ĉiam estas bonvenaj. Daŭre mankas materialo, kio tre malfacilas la redaktadon. Rd denove petas kontribuaĵojn por povi plibonigi la enhavon.
3.3. de kasisto (IF 1, paĝo 9) - akceptita per 19 por, 3 sindetenoj.

4. Protokolo Romo (IF 1978, 3/27).
Pr korektas la protokoltekston sub cif 12, dua propono. Phersy laŭ peto de la hungara prezidanto d-ro Bácskai per jenaj vortoj, kiuj validas kiel oficiala korekto: "Hungario ne deklaris sian apogon je la plialtigo de la membrokotizo, ĝi nur esprimis sian pretecon submeti sin je la eventuala plialtigo de IFEF-membrokotizo."
Protokolo akceptita per 22 voĉoj.

5. Raporto pri la komitata laboro.
Ĉk (ekstrakte): forsendis 2 cirkulerojn kaj la jarraportan demandilon, partoprenis kiel gasto en du estrarkunsidoj, krome la UK Varna, TK-kunsidon kaj 2 jarkunvenojn.
Pr dankas al la Ĉk pro lia aktiveco.
Sekvas la konfirmo flanke de la k-o por la novelektitaj gvidantoj kaj sekretarioj de TK kaj FK (Aldonoj III (6) kaj IV (6)).
TK: gvidanto Inĝ. L. Sekereŝ (YU),
sekretario G. Ritterspach (D).
La k-o akceptas per 21 por, 1 sindeteno.

FK: gvidanto Thuesen (DK),
sekretario G. Ritterspach (D).
La k-o akceptas per 20 por, 2 sindetenoj.

6. Resumo pri raportoj de landaj asocioj.
Pr komence dankas al Vp pro la ĉiujara komplika laboro verki el la landaj respondoj raporton sur internacia nivelo.
Vp laŭtlegas la raporton, kiu koncernas nur 14 l.a. (mankas GB, CH, I. YU postliveris).
Ĉk atentigas pri la IFEF-laborplano, laŭ kiu ĉiu k-ano kaj l.a. sufiĉe frue povas prepari la respondojn je la demandilo kaj precize povas resendi ilin al la indikita adreso.
Vp petas por la venonta jaro respekti la limdaton: fino de februaro 1980.
Ritterspach demandas, ĉu la germanlingva resumo pri la fakprelego Romo povis esti utiligata en A kaj CH?
Huber jesas tion por la aŭstria bulteno, sed ne eblis en la fervojista gazeto. Pri CH ne eblas respondo.

Ritterspach deziras amendon en la resumo pkt 28 fine de la unua alineo. Prizorgos Vp.

La k-o akceptas la resumon per 22 voĉoj.

Pr - komunikas ĉi-loke, ke la longjara kunlaboranto itala G. Gimelli la unuan fojon de 1952 ne povas partopreni kongreson,
- substrekas, ke la sekretariino ĝis nun per 16 prelegoj en diversaj landoj informis pri sia vojaĝo al Brazilo, kaj daŭre venas novaj invitoj.

Pr donas nun kelkajn informojn pri la evoluo en diversaj landoj
- Polio: Post kelkjara korespondado nun venis de Pola Esperanto-Asocio anonco de 20 membroj fervojistaj por kiuj ĝi ĝiros la kotizojn por 1979 al la IFEF-kasisto. Spite al pluraj petoj ne jam venis la oficiala aliĝpeto.
Rumanio: La prezidanto de la rumana l.a., kiu anoncis sin por tiu kongreso, bedaŭrinde ĝis nun ne venis. La situacio tie estas tikla, kaj io devas okazi.
- Grekio: Tie ĝis nun ekzistas l.a., sed en Ateno momente okazas kurso, en kiu partoprenas fervojistoj. La rezulton oni devos atendi.

Scharf demandas pri Portugalio.

Sk Situacio ne ŝanĝiĝis. Ili ricevas daŭre IF, sed nenia reago.

Labordus proponas, jam nun voĉdoni pri PL, kondiĉe ke venos la kotizoj - Decido: post pritrakto okazos voĉdonado sub iu el la venontaj punktoj de la tagordo, ĉar tio superfluigas cirkuleron de la Ĉk kaj ŝparos afrankon.

de Bruyne (B) demandas pri la stato en Sovet-Unio.

Sk: Venis oficiala informo, sed sen mencio de fervojistoj.

Pr: En GDR fervojistoj laboras en la kadro de la Germana Kultur-Ligo. La evoluon oni atendu.

Paŭzo.

7. Raportoj de la komisionoj kaj komisiitoj.
(La raportojn pri 7.1, 7.2, 7.3 kaj 7.4 vi povos legi en IF).
7.1 Terminara Komisiono raportas Sekereŝ
Pr aldonas la peton, en "Terminara Kuriero" laŭ propono de Ritterspach je la unua mencio de iu nomo aŭ noto uzu la plenan nomon kaj nur je ripetoj mallongigojn.
- Raporto akceptita per 22 voĉoj -
7.2 Fakprelega Komisiono raportas Ritterspach.
Li petas utiligi la tekstojn de la fakprelegoj kaj resumoj en ĉiu lando, vaste traduki ilin en naciajn lingvojn.
- Voĉdono: 22 por -
7.3 Historio-Komisiono raportas Giessner.
- Voĉdono: 22 por -
Mirkoviĉ (YU) intervenas pro la junularo.
Pr Pri la junularo ankaŭ ekzistos ĉapitro en la broŝuro.
7.4 Koresponda Servo.
La respondeculo por KS, kol. Demissy (F) ne estas en la kongreso. Coyac (F) laŭtlegas raporton. Pr petas Coyac danki al Demissy pro lia laboro. Pr laŭdas la K.S., ĉar ĝi efike helpas en la venko de lingvaj baroj.
Huber petas skribi al Radio Vieno, Esperanto-Fako, A-1041 Wien kaj ankaŭ sendi raportojn pri fervojaj aktualaĵoj.
- Voĉdono: 22 por -

Coyac aldone petas, de tempo al tempo publikigi la adreson de K.S. en la landaj organoj. Pr sugestas fari tion eĉ en nacia lingvo, por ke la komencantoj ne pretervidu tion.

7.5 Komitatano A de UEA.
Pr: D-ro Phersy pro la sanstato ne povas partopreni la kongreson. Pr laŭtlegas el letero de d-ro Phersy. Li salutis la UK Varna nome de IFEF kaj vizitis la komitatkunsidojn (sepfoje). Tie li i.a. riproĉis, ke la estrarraporto pri la faka agado en "Esperanto" daŭre fariĝas pli mallonga kaj tute ne respegulas la gravan laboron de IFEF. Krome li oficiale petis, ke UEA estonte sendu reprezentanton aŭ minimume salutojn al IFEF-kongreso. En la kontaktkunveno salutis prof. d-ro Støp-Bowitz flanke de UEA. D-ro Phersy tie tuŝis la problemojn de la socialismaj landoj kaj petis helpon en la solvo de tiuj problemoj.
Pr petas la hungarajn k-anojn danki al d-ro Phersy pro la raporto kaj transdoni niajn bondezirojn por baldaŭa resaniĝo. Ĉar li ne povos partopreni la UK Luzern, necesos nomumi anstataŭanton ĉi tie en Turku.
- Voĉdono: 22 por -

Estas substrekite, ke Ritterspach principe bonvolas sendi la raporton pri la IFEF-kongreso al "Esperanto", same kiel de Sutter al "Heroldo.

8. Laborplano.
Pr: Ni donis al la k-anoj malneton pri estonta laborplano, iom aktualigita. Ni diskutu ĝin nun.
Labordus demandas, ĉu sub 3.1, 3.3 kaj 3.5 temas pri naciaj instancoj resp. organizoj. Se jes, estus afero de la l.a.
Pr: Prave. Ni devus aldoni "interkonsente kun landa asocio".
Labordus konsentas.
Engen demandas, ĉu sub pkt 6 oni ne formulu "internaciajn sporteventojn".
Pr komparas la lingvajn celojn kaj la familian etoson de la skisemajnoj kaj la nur sportan celon de sportaranĝoj. Krome ni ne konkurencu al la sportorganizoj fervojistaj.
Engen proponas kompletigon de la teksto sub 6.
Post diskuto estas decidite, iel kompletigi tiun punkton.
Pr ankoraŭ klarigas, ke la estraro en la venonta kunsido finfiksos la planon kaj submetos ĝin en la venonta kongreso al la k-o. Poste aperigo en IF.
Sredić (YU) proponas envicigi "instruadon de Esperanto en faklernejoj" sub aparta punkto.
Pr envicigos tiun sugeston.
Mirković petas subtenon de junuloj ankaŭ finance.
Sk indikas al la nova fonduso por junuloj, kiu ekestis el donaco de Aŭstrio. Celo estas, ebligi al junulo, kiu intencas partopreni en la skisemajno, la financan subtenon. (Laŭeble al junulo el ne pagipovaj landoj). Sk admonas "nutri" tiun fonduson, por ke ĝi povu plenumi sian celon. Sed bedaŭrinde fakto estas, ke momente mankas junulara sekcio.

Ekestas diskuto pri vigligo de junuloj kaj Pr indikas al pkt 28 de la malneto "laborplano". Precipe estos landa afero, regvidi junulojn al la federacio, kio cetere nepre necesas, ĉar la procentaĵo de emerituloj estas multe tro alta. de Bruyne (B) atentigas pri la "Pasporta Servo", kiu ĝuste por gejunuloj estas stariĝita. La Eŭropa Centro Bruselo subvencias ĝin. Eble IFEF povus aliĝi al ĝi.

Fino de la 1-a kunsido.

DUA PARTO DE LA PLENKUNSIDO, 20-an DE JUNIO 1979 EN TURKU.

Ĉeestas 2o k-anoj. La du hungaraj k-anoj ne plu ĉeestas, sed skribe voĉdonis pri la tagordaj punktoj 10, 11, 12, 13, 14.
La svisa k-ano Greutert sendis skriban voĉdonilon pri pkt 10.

9. Rilatoj al aliaj organizoj.
9.1 UEA ĝenerale.
Pr sciigas, ke UEA planas novan statuton. La projektita malneto aperis en "Esperanto" 12/78. Ĉar ĝi ankaŭ koncernas IFEF kiel fakan asocion de UEA, la estraro letere konatigis sian starpunkton pri kelkaj artikoloj al UEA, i.a.
- ni petas en art. 5 de la projekto pli forte akcenti la "Universala Deklaracio pri la Homaj Rajtoj"
- ni deziras estonte malebligi aliĝon de pluraj asocioj el unu ŝtato (art. 13 projekto)
- petas pli klaran indikon (en art. 15) pri la kunlaboro kun "aliaj" asocioj precipe ril. al art 5 (neŭtraleco)
- avertas, ke nur pro statutaj kaŭzoj kapabla prezidanto devos eksiĝi el la prezidanteco.

Huber: Ankaŭ en Aŭstrio estas du landaj organizoj, kiuj povus postuli aliĝon al UEA. Ni jesas tiun leteron.
Pr informas
- ke la hungara kolego d-ro Imre Pethes elektiĝis prezidanto de Mondpaca Esperanto-Movado (MEM),
- pri la periodaĵo "Interfake". Aperis ĝis nun 5 numeroj, tamen la fakaj asocioj ne kunlaboras, ĉar la verkado de artikoloj ĉiam koncernas la samajn personojn, kiuj jam estas superŝutitaj de laboroj. IFEF sciigis al UEA, ke ĝi ne povas aktive kunlabori. Oni nun planas aperigi en "Esperanto" apartan paĝon sub tiu temo. Ni atendos.

Ritterspach proponas liveri al tiu planita paĝo "Interfake" regule la resumon. Tiu propono estas bona. La Fakprelega Komisiono zorgu ĉiujare, ke la resumo estos sendata al la koncerna respondeculo.

9.2 UK Luzern, Kontaktkunveno.
Pr prezentas la oficialan inviton de UEA por la fervojista kontaktkunveno la 31.7. 10,00 horo en la trafikmuzeo. En la programo i.a. fakprelego de mag. Sredič pri la nova svisa trafikkoncepto.
Sredič klarigas, ke temas pri tre aktuala problemaro.

Kolego Sredič deklaris sin preta anstataŭi d-ron Phersy en la Kongreso Luzern. Li vizitos la komitatkunsidojn kiel observanto. Sk informos UEA pri tio.

9.3 FIŜAIC.
Pr memorigas je la diversaj aranĝoj en Turku, kiam oni povis observi la lingvajn kutimojn, kiam estis uzitaj ĝis 5 lingvoj. En la FISAIC regas du laborlingvoj (franca, germana) kaj ĉiu frazo estas tradukenda el unu al la alia de tiuj du lingvoj. Tio signifas tempoperdon, pli altajn kostojn, lingvan diskriminacion.
Pr denove akcentas, ke IFEF kiel internacia federacio ne povas esti membro de la FISAIC (laŭ ties statuto), sed la l.a. de IFEF siavice estas membroj en la landaj sekcioj de FISAIC. Pri tio aperis artikolo antaŭ proks. 2 jaroj en IF.
En februaro de la kuranta jaro mi provis kune kun la prezidanto de nia brita l.a. plivigligi la rilatojn kun la brita sekcio de FISAIC.
Estas rekomendinde, ke niaj l.a.

petas de siaj FISAIC-sekcioj la protokolojn pri la ĝeneralaj asembleoj de FISAIC (evtl. ankaŭ pri la prezidantaraj kunvenoj).

9.4 Radio-amatoroj.
Ĉiuj klopodoj ĉe la radio-amatoroj en D, F, B, NL kaj S spite al favora sinteno de la gvidanto ne kundukis al progresoj. Ili asertas, ke la angla, en kiu ili kutimas "paroli", sufiĉas por ili.
Robiolle petas ĉiulande kontaktigi la radio-amatorojn.
Ritterspach supozas, ke la diferenco inter la reagoj en F kaj D baziĝas sur la tre diversa pozicio de la angla en tiuj landoj.
Robiolle verkos artikolon pri tiu temo por IF.
Narvala sugestas kontaktiĝi kun la radio-amatoroj sur landa nivelo antaŭ ties internacia kongreso en aŭgusto en Finnlando.

10. Kongresproponoj.
Propono 1
Labordus atentigas al la komentario en IF. La afero estas antaŭdiskutita en la unua kunsido. Ĝi kreos pli klaran situacion por estontaj voĉdonadoj. Ne plu diskuto.
- Voĉdono: 22 por, 1 kontraŭ = akceptita -

Propono 2
Pr: Lastfoje en 1971 la kotizo estis plialtigita. Tio estas miraklo en tempo de ĉiea inflacio. Nepre nun necesas adapto al la cirkonstancoj. Pro tio la estraro proponas plialtigon je 40 procentoj al 17 danaj kronoj ek de 1.1. 1980. Neniu deziras (post antaŭdiskutado en la unua kunsido) denove diskuti.
- Voĉdono: por 14, kontraŭ 7, sindetenoj 2 = akceptita -

Propono 3
Robiolle (F) reprenas la proponon.
Pr dankas pro la komprenemo. Povas esti, ke la membronombro de IFEF denove iom malkreskos. Sed se ni havus du membrokategoriojn en IFEF, ni neniam povos antaŭvidi, kiom el ili abonos la revuon. Labordus citis el "Fervoja Esperantisto" el la jaro 1913, ke la nombro de abonantoj daŭre malkreskis, tiel ke la bulteno mortis. Tio nepre ne okazu ĉe ni. IF ne nur estas informilo kaj komunikilo, sed ĝi ankaŭ donas al ĉiu membro la eblecon publikigi artikolojn, diri sian opinion, sendi spritaĵojn. Ĉiu lando decidu laŭ propraj cirkonstancoj, por kiom da siaj membroj ĝi povas pagi al IFEF, simile kiel ĝis nun.

Propono 4
Pr substrekas, ke la proponoj 4, 5 kaj 6 simple baziĝas sur jam en Tarragona faritaj decidoj de la k-o. Pr ankoraŭfoje citas el la protokolo de Tarragona: "La redaktoro presigos la korektotekstojn en IF, tiel ke oni povos eltondi ilin kaj glui en la propran statuton." Ĉe la fino de ĉiu korektaĵo estos indikita "(2)". Tio signifas "dua korekto".
Ritterspach petas ripeti ĉiokaze, en kiu jaro kaj sur kiu paĝo de IF aperis la unua korekto.
- Voĉdono: 22 por, 1 kontraŭ = akceptita -

Propono 5
Pr: tiu propono donos multajn avantaĝojn.
- Voĉdono: 22 por, 1 kontraŭ = akceptita -

Propono 6
La propono estas antaŭdiskutita en la unua kunsido. Tie Schrapp

(D) sugestis plisimpligon, tiel ke nun la proponita teksto en "Aldono II (17) dua frazo estos: "La kongreskotizo por familianoj kaj gejunuloj, malpli ol 20 jaroj estas la duono de la baza kotizo." Tio signifas, ke emerituloj pagos la plenan kongreskotizon.
Robiolle kritikas la daŭran plialtigon de la kongreskotizoj.
Barnickel (D) subtenas la proponon.
Pr akcentas, ke ĝuste la kreskanta nombro de emerituloj devigis la estraron fari tiun proponon, por savi estontajn LKK-ojn el embaraso. Labordus avertas, ke oni konsideru la teruran kreskon de ĉiuj kostoj. Ekestas diskutado pri la nocio "familio". Oni devos ekskludi misuzon de tiu nocio. LKK-oj estonte priatentu tion en aliĝiloj.
- Voĉdono laŭ supre ŝanĝita teksto: 22 por, 1 kontraŭ = akceptita -

Propono 7 sen diskuto akceptita per 22 por, 1 kontraŭ.

Paŭzo.

11. Budĝeto 1980.
Ks petas, ke oni konsideru, ke li devis budĝeti sen koni jam la ekzaktan membronombron.
Grass (D) laŭdas la malaltajn kostojn po ekzemplero de IF.
Mirkoviĉ (YU) demandas, kiom da ekzempleroj aperas. Estas ĉ. 3000. Ĉiu l.a. ricevas 10 procentojn pli ol estas la membronombro.
de Bruyne (B) petas, spite al necesa ŝparemo "konservi la vizaĝon".
Raŭsek (S) ankoraŭfoje mencias la gravecon ankaŭ de la franca kongrespropono n-ro 3.
Ks La eksteran aspekton de IF ni nepre klopodos plibonigi. Ni devas uzi nun pli malbonan paperon. La presejo uzu pli da farbo.
- Voĉdono pri la budĝeto 1980: 22 por = akceptita -
Pr promesas, ke ni respektos la budĝeton kaj estos ŝparemaj.

12. Adopta kaso (IF 78, n-ro 5/72)
Ks: Ĉar la Adopta Kaso estas preskaŭ malplena, la membroj estas petataj sendi kontribuojn por ĝi.

13. Elekto de kongresloko 1980 kaj kongreslando por 1981.
Pri la kongreso en 1980 jam estas voĉdonita. Ĝi okazos en Meerdal (America) inter Venlo kaj Eindhoven de 16. ĝis 23.5.80.
Por 1981 invitas Giessner (D) la 33-an kongreson al Regensburg de 15. ĝis 21.5.
La k-o akceptas tiun inviton per 22 voĉoj.
Por 1982 venis post longaj klopodoj invito al Hungario, do 20 jarojn post la fama kongreso de Budapest. Pro la konataj cirkonstancoj en la socialismaj landoj ni tre ĝojas, ke nun baldaŭ povos okazi denove kongreso tie, kien ankaŭ la amikoj el la orientaj landoj povos veni. Intertempe transdonis la bulgara kolego Marinov al la estraro oficialan leteron de la Bulgara Esperanto-Asocio, laŭ kiu oni volas inviti la kongreson por 1982 al Bulgario. Tio estas tre ĝojiga afero. Tamen oni ne forgesu, ke nia bulgara l.a. pro (laŭdire) postuloj de bulgaraj instancoj devis sin mem eksigi el IFEF, do momente la bulgara membreco ripozas. Pro tio unue devos esti ordigita la membrostato de Bulgario inkl. kotizpagadon. Krome estus rekomendinde, ne okazigi 2 kongresojn unu post la alia en socialismaj landoj. Sekve taŭgus kiel kongresjaro por Bulgario la jaro 1984.
La k-o akceptas la hungaran invi-

ton per 22 voĉoj.
Marinov (BG) novelektita prezidanto de la bulgaraj fervojistoj esperantistoj komprenas la situacion de IFEF. Li klopodos ordigi la restarigon de bulgara l.a. en IFEF.
Pr dankas al Marinov pro liaj vortoj, kaj ni ĉiuj ĝojus, se Bulgario baldaŭ denove estus en niaj vicoj.
de Sutter (B) serioze esploros la eblecon por 1983.

14. Internacia skisemajno 1980 en Italio.
Sk: La skisemajno por 1980 okazos en Plan Val de Gardena de 26.1. ĝis 2.2.
Por 1981 ne jam invito.

15. Eventualaĵoj.
Pr: Laŭ peto de LKK estos sendata telegramo al la finna ŝtatprezidento Kekkonen.
Pr laŭtlegas tekston por rezolucio proponitan de LKK.
- La k-o akceptas per 20 voĉoj -

Sk estas petata sendi la kongresbultenojn al radiostacioj kun E-programo.
Pr mencias, ke en la jarlibro de UEA 1979 paĝo 35 oni trovas ĉion necesan pri la Pasporta Servo.
Huber (A) denove substrekas, kiel grava estas la manko de la junularo.
Labordus petas, voĉdoni nun en la senco, ke sub kondiĉo, ke la anoncitaj kotizoj el Polio venos, ni konsideru tion kiel aliĝon por tiel ŝpari cirkuleron de la Ĉk kaj la respondojn.
Pr klarigas, ke Pola Esperanto-Asocio transprenis la respondecon pri la polaj fervojistoj kaj sendis liston kun 20 nomoj, por kiuj 20 personoj ili anoncis kotizpagon. Tiel ili intencas realiĝi al IFEF.
Pr petas laŭ la propono Labordus, kaj kondiĉe ke venos oficiala aliĝpeto, rajtigi la estraron ekde tiu momento rigardi la polan asocion denove ekzistanta.
- la komitato akceptas per 20 voĉoj -

Mirkoviĉ plendas, ke en kongresprogramo ne estas antaŭvidita kunveno de la junularo.
Sk: La Junulara Sekcio momente ne ekzistas.
Pr: Antaŭ du jaroj ni devis "ripozigi" la Junularan Sekcion.
Forslund (F): Ni mem kunkulpas, ĉar ni ne zorgas, ke niaj propraj infanoj parolas Esperanton.
Scharf (A) substrekas, ke la grava kontraŭanto estas la angla lingvo.
Harvey (GB) rekomendas propagandi en junulargastejoj. Tion tamen ĉiu l.a. mem devus fari en sia regiono resp. instigi sian landan sekcion de UEA, kiu estus pli kompetenta.
Sk aldonas, ke oni sur landa nivelo serĉu kontakton kun junularaj organizoj.
Forslund sugestas alelekti en estrarojn pli da junuloj.
Pr deziras ankaŭ en la IFEF-estraro vidi estontece pli da junuloj, kondiĉe ke ili pretas kunlabori.

La prezidanto fine dankas pro la harmonia kaj saĝa kunlaboro kaj fermas la kunsidon.

Frankfurt/M, la 8an de julio 1979

E. Kruse — Sekretariino

J. Giessner — Prezidanto



# La 31-a IFEF-Kongreso Turku 1979

Ekstrakto el la alparolo de la prezidanto de IFEF dum la inaŭgura kunveno

La prezidanto dankas la finnajn organizantojn kaj speciale magistron N.G. NARVALA, kiu jam organizis la 12-an kongreson en Helsinki en 1960.

Sed en tiu tempo ĉeestis ankaŭ nia neforgesebla amiko Jan LOK, kiu, 2 monatojn post sia 80a naskiĝtago, forlasis nin por ĉiam la 28-an de novembro 1978.
Por li kaj por aliaj membroj de IFEF la prezidanto petas silentan minuton por honorigi iliajn memorojn.

Ankaŭ en Helsinki en 1960 ĉeestis alia elstara persono, nome la unua ĝenerala prezidanto de FISAIC - d-ro MOLLION. Li certe ĝojus se li povus travivi la hodiaŭan tagon, kiun vidas la prezidantaro de FISAIC samtempe kaj samloke kun nia kongreso.

Temas ja pri tiu Internacia Federacio de Kulturflegantaj Fervojistoj, en kiu multaj el niaj landaj asocioj estas membroj kaj kunlaboras en la kultura sektoro sur la vasta kampo de plej diversspecaj libertempaj okupoj de la internacia fervojistaro.

S-ro Giessner dediĉas poste kelkajn vortojn al la evoluo de la rilatoj inter la FISAIC kaj IFEF. Li diras: "D-ro Mollion, kiu fondis la FISAIC en septembro 1952 en Strasburgo, estis konvinkita pri la praktika valoro kaj nobla ideo de Esperanto post la tria IFEF-kongreso en 1951. Pro tio li partoprenigis reprezentantojn de nia franca asocio FFEA en la preparoj por la strasburga fondkunveno kaj ankaŭ en la postaj jaroj ofte petis la tiaman francan prezidantinon, f-inon LEMONNIER, helpi al la FISAIC per la internaciaj rilatoj de la esperantistoj. Simila okazis en la sesdekaj jaroj, kiam denove laŭ peto de la FISAIC pere de ties germana sekcio nia germana landa asocio GEFA ekagis precipe en Norvegio, Hispanio kaj Britio, tiel konsiderinde kontribuante al la starigo de tieaj FISAIC-sekcioj.

La 19-a IFEF-kongreso en 1967 estis la unua, kiu tutoficiale okazis sub aŭspicioj de la FISAIC. Ankoraŭ estas en niaj oreloj la vortoj, kiujn tiam trovis la ĝenerala prezidanto de la FISAIC, d-ro SCHLESSER. Ili venis el lia koro, ni ankaŭ scias, ke dum tiuj tagoj en Fulda li komprenis la profundan sencon de nia lingvo kaj same komprenis, kial ni tiel obstine sekvas tiun celon.

Niaj Esperanto-grupoj ĝenerale ne estas laŭnombre la plej fortaj, sed ili intensive agadas, kaj oni rajtas aserti, ke ekzistas neniu alia kultura grupo en la FISAIC, kiu en la praktiko tiel efike realigas la celojn, deklaritajn en la paragrafo 2 de la FISAIC-statuto, kiel ĝuste ni esperantistoj. En tiu paragrafo i.a. estas dirite, ke la FISAIC subtenas la kulturan libertempan agadon de fervojistoj de ĉiuj nacioj kaj klopodas krei lingvon inter la naciaj societoj de kulturflegantaj fervojistoj. Ĉu ne la sama, kiel en la statuto de IFEF? Tamen jen eta sed gravega diferenco: Ni esperantistoj plej klare ekkonis, ke la internaciaj kontaktoj unuavice baziĝas sur la rekta interkompreniĝo helpe de komuna lingvo. Nin la malbeno, kiu trafis la homaron en Babelo, ne plu timigas. Ni ĉiuj travivis la miraklon kaj ĉiam denove travivas ĝin, ke ni kun homoj de ĉiuj lingvoj

povas paroli senĝene. Vere paroli, ne pene balbuti. Ni trovis la plej efikan rimedon por internacia interkompreniĝo, la Internacian Lingvon.

Ekzistas ja alia internacia lingvo, oni eĉ povus diri "kosma" lingvo, kiu kapablas transpaŝi ĉiujn limojn: la muziko. Sed ĝi sekvas siajn proprajn leĝojn, ĝi povas tuŝi korojn kaj entuziasmigi amasojn, tamen ĝi ne povas paroligi la unuopulon. Sed la homo ja bezonas la lingvon por solvi siajn problemojn, por senti sin homo, por povi vivi. "Komence estis la vorto" diris la Biblio.

Vere estus dezirinde, ke tiu genia kreaĵo de d-ro Zamenhof fine trovus la agnoskon, kiun ĝi meritas. Ne pro tio, ĉar ĝi meritas agnoskon, sed ĉar la homaro pli urĝe ol iam ajn bezonas komunan lingvon, se ĝi ne volas daŭrigi la hontigan kaj diskriminaciigan spektaklon, kiu tagtage montriĝas en la sennombraj internaciaj kongresoj kaj asembleoj. Tie oni nur helpe de plej moderna tekniko kapablas komuniki sciigojn al la kunvenintoj, kiuj ekstere de la konferencsalonoj grandparte ne plu kapablas paroli unuj kun la aliaj. Sekve la naciaj grupoj restas "inter si". Estus nia granda deziro, estus imitinda ekzemplo, se la FISAIC enkondukus Esperanton kiel laborlingvon. Ĝi povus konsiderinde plisimpligi siajn laborojn kaj ŝpari multe da tempo kaj mono."

Post tiu alvoko por aplikado praktika de Esperanto, la prezidanto denove parolis pri la kongresa lando.

Finnlando estas ne nur belega lando, ĝi ankaŭ sukcesas atingi ekonomiajn rezultojn malgraŭ la tre longaj vintroj.

Ekzemple, Finnlando realigis konteneran kaj relŝip-trafikon kun ege moderna materialo. Tio estas la temo de la fakprelegoj, kiuj en 1960 kaj nun apartenas al la eventoj en niaj fervojistaj kongresoj, kiuj rajtigas nin aranĝi tiajn fakajn kongresojn.

La prezidanto ne preterlasis speciale substreki tion en liaj salutvortoj en la kongreslibro.

Fine s-ro Giessner menciis la faman Akton de Helsinki. Li diris: "Oni mondvaste diskutis kaj diskutas pri ĝi, ĝia enhavo kaj efiko. Nin esperantistoj speciale okupas la eldiro, ke neniu estu diskriminaciita pro sia lingvo. Mi jam uzis tiun vorton "diskriminacii", kiam mi parolis pri la hontinda spektaklo en internaciaj kunvenoj. Estas sur la tero nur la esperantistoj, kiuj komplete kaj perfekte realigis tiun fundamentan rajton. Neniel ni asertas, ke la uzado de tiu komuna lingvo povus forigi kverelojn, disputojn aŭ eĉ militon. Lingvo ne povas ŝanĝi homajn karakterojn. Sed ĝi povas konsiderinde kontribui al interkompreniĝo, toleremo, al estimo de aliaj moroj kaj opinioj. Jam tiaj rezultoj donas bazon por pli paca konduto kaj kunvivado."

Kaj la prezidanto konkludis: "Mia deziro estas, ke paco, toleremo, amikeco estu inter ni dum tiuj kongresaj tagoj, kaj ke ili poste akompanu nin ĉiujn en la ĉiutagon. En tiu senco mi nun malfermas la 31-an IFEF-kongreson."

Rd.



## 31-a IFEF - KONGRESO TURKU 1979.

### Honorigo vicprezidanto per la Ora Medalo de la FISAIC

Willem Lambertus van Leeuwen naskiĝis en 1918 en Bakkum, Nederlando. En 1939 li ekdeĵoris ĉe la fervojo en Utrecht, kie li ankaŭ studis en la fervoja oficista lernejo. Sed la ĉefan parton de sia fervojista vivo li ne pasigis en Utrecht. Ni ĉiuj, kiuj de longe konas lin, povas imagi lin nur lige al la nomo Amsterdam, lige al la centra stacio, kie li dum longa tempo laboris kiel estro de la trajn- kaj manovradservo de la regiono "Amsterdam Centra Stacio". Jes, mi devas diri "laboris", ĉar en somero 1978 li emeritiĝis kaj nun apartenas al la kategorio de tiuj fervojistoj, kiuj neniam havas tempon.

Same en 1939 amiko van Leeuwen komencis okupi sin pri Esperanto. Sed, kia interesa paralelo al la kreinto de la Internacia Lingvo: Same kiel la patro de Zamenhof ankaŭ la patro de la hodiaŭa vicprezidanto de IFEF tute ne ŝatis tiun flankokupon de sia filo.
Nu, Wim van Leeuwen, kiel liaj amikoj lin vokas, havis tiun econ, kiu estas plej grave por ĉiu esperantisto, nome li estis obstina kaj iel daŭrigis la aferon, tiel ke li jam la 14.11.46 aniĝis al FERN. Tio cetere estis la fondiĝdato de FERN, kies dua sekretario li estis de 1951 ĝis 1961, kaj poste li fariĝis unua sekretario ĝis hodiaŭ. Ek de 1952 dum 16 jaroj li gvidis skriban Esperanto-kurson, kaj krome gvidis buŝajn kursojn. Li kunlaboris 1953 en la LKK de la 5a IFEF-kongreso kaj denove kiel sekretario en la LKK de la 18a IFEF-kongreso en 1966. Dum 18 jaroj li redaktis la nederlandan revuon "Fervojisto".

Sur internacia tereno kolego van Leeuwen jam ek de 1955 kunlaboras en la Terminara Komisiono de IFEF, kaj de 1972 li estas vicprezidanto de IFEF. Lia elstara agado kaj por la nederlanda fervojo kaj en la nederlanda sekcio de la FISAIC, ĉefe por Esperanto, estis rekonita en aprilo 1978 per la ordeno "Ridder in de Orde van Oranje Nassau". (IF 3/78 p. 26).



S-ro M. Bisch transdonas al s-ro van Leeuwen la Oran FISAIC-medalon

Decas en tiu momento mencii, ke lia altestimata edzino Metje dum ĉiuj tiuj jaroj helpis, instigis, subtenis sian edzon en modela maniero.

Tiuj ĉi tre koncizaj detaloj el la vivo de amiko van Leeuwen absolute ne povas montri la tutan aktivecon de tiu dinamika, bonkora homo, kiu pro sia akurateco kaj fidindeco akiris multajn amikojn ne nur en Nederlando, sed - oni deziras diri - ĉie en la mondo. Ĉiuj liaj amikoj ŝatas lin pro liaj altaj homaj kvalitoj.
Nenia dubo, ke Wim v. L. ĉiel meritas la plej altan honorigon, kiun la FISAIC povas doni, nome la oran medalon.

Giessner.

# 31a IFEF - KONGRESO Turku 1979

## Raporto pri la Historio-Komisiono

En septembro 1978 ni dissendis la trian demandilon al la landaj asocioj. En ĝi ni distingis la poziciojn el la demandilo 77 laŭ du vidpunktoj, nome tiuj, kiujn ĉefe bezonas la landaj asocioj por verki siajn raportojn pri la propra asocio kaj tiuj, kiuj estas gravaj precipe por la komisiono. Rilate al la komisiono ni limigis nin je 5 demandoj, nome tiaj, kiujn ni mem ne povis respondi. Ne estis petita granda laboro. La rezulto estis relative ĝojiga. El la 19 landaj asocioj reagis 16, kvankam kelkaj nur pri parto de la demandoj. Tute ne reagis nur tri (Aŭstrio, Britio, Rumanio). Mi dankas al ĉiuj, kiuj kunlaboris.

El la ĝis nun ricevitaj indikoj eblos fari al si imagon pri gravaj detaloj el la postmilita historio de IFEF. Entute pri tiu tempo, do ek de 1947, ekzistas sufiĉe da materialo, kaj krome vivas multaj kolegoj, kiuj povus doni helpajn informojn, kaze de bezono. Pri la tempo inter la militoj kaj pli frue ni apenaŭ povas demandi iun personon. Ni nur povos utiligi la materialon, kiu restis el tiamaj jaroj. Bonŝance ni disponas pri relative abunda stoko da koncernaj Esperanto-revuoj kaj povis konstati, ke ankaŭ la IEM havas tian materialon kaj pretas afable helpi kiam necesas.

Konklude oni povas diri, ke konsiderinda parto de la prilaborota materialo estas kolektita. Tamen ankoraŭ mankas detaloj, kiujn ni laŭbezone petos de la respektivaj landaj asocioj. Kaj kio precipe mankas, estas fotografaĵoj, diapozitivoj de gravaj momentoj, indikoj pri elstaraj personoj.

Por la venonta jaro ni planas kribri la disponeblan paperaĵon, por poste povi krude kompili la enhavon de la broŝuro. Krome iom post iom pri tiuj landaj asocioj, kiuj ne liveris uzeblan raporton pri sia propra organizo, ni mem verkos raporton laŭ niaj scioj surbaze de disponeblaj paperoj. Ili kompreneble poste ne grumblu, se io grava estas forgesita.

Entute la komisiona laborplano ĝis nun estas observita. La vera laboro nur nun komenciĝos.

Giessner.

---

## Raporto pri la Terminara Komisiono.

La Terminara Komisiono havis siajn dumkongresajn kunsidojn la 18an kaj la 20an de junio.

1.
Dekduo da terminaraj kunlaborantoj aŭdis kaj pridiskutis la jarraporton de la sekretario, verkitan surbaze de la demandilo-respondoj.

Precipe la letere senditaj rimarkigoj de kolego Rebiĉek el Ĉeĥoslovakio trovis multan atenton.

El Jugoslavio alportitaj kaj disdonitaj estis 87 paĝoj da bazofolioj koncerne la literon A (pli ol 800 terminoj), el Svedio multpaĝa tabelo pri sinonimaj terminoj (ellaborita en Britio kaj

kompletigota en Francio), krome pretas listo de ĉiuj suplementaj terminoj en la tria eldono de LG kompare al la dua eldono (preskaŭ mil). Aparta aprobo kaj danko estis esprimita al magistro Narvala pro lia traduko de la unua kajero de Komuna Internacia Tarifo por la Transporto de Pasaĝeroj kaj Pakaĵoj (TCV) "Ĝeneralaj Transport-kondiĉoj", kiu estis aperigita en Germanio pasintjare.

2.
Oni reelektis la ĝisnunajn funkciulojn, nome inĝ. Ludoviko Sekereŝ kiel gvidanton, Gernot Ritterspach kiel sekretarion kaj Dieter Hartig kiel redaktoron de Terminara Kuriero. Por la venontjara kongreso estu kongrespropono formulita pri kompletigo de la Regularo por la Terminara Komisiono (Aldono IV de la Statuto) koncerne la redaktoron de Terminara Komisiono.

3.
La venontjara laboro estis detale difinita laŭ la reduktiga propono. El Ĉeĥoslovakio estu mendota la kolekto de seminariaj referaĵoj, kiuj i.a. okupiĝis pri terminaraj laboroj kaj la aŭtomatizado de rangostacioj.

4.
La traktado de dubaj terminoj komencis tro malfrue kaj dronis en vortriĉaj diskutadoj. Nur ses terminoj naskiĝis definitive. Estas dezirinde, ke venontjare post la dua dumkongresa kunsido de la Terminara Komisiono ne tuj sekvu iu grava programero ...

Ritt

---

## Raporto pri la Fakprelega Komisiono.

La Fakprelega Komisiono kunsidis la 18an de junio, do antaŭ la fakprelego. Ĉiuj tagordaj punktoj estis traktitaj, kvankam ne laŭvice.

1.
Pasintjare en Romo diversaj obstakloj malhelpis ĝustatempan preparon de la fakprelego, eĉ la Komisiono mem devis lastmomente finpretigi la tekston. En kelkaj malmultaj okazoj ĝi estis utiligita en nacilingva traduko, ĉu per disponigo al fakuloj neesperantistaj, ĉu per publikigo. Tiu ĉi ebleco por sentruda propagando, kiu ja povas altiri la intereson de gekolegoj kaj ĝenerale plialtigi la agnoskon kaj reputacion de nia laboro, ne estas sufiĉe ekspluatata.

Ĉijare la akurata kaj kompetenta laboroj de kolegoj Narvala kaj Sredić certigis ĝustatempan preparadon de du prelegoj, originale verkitaj en Esperanto: "Kombinita Vartrafiko kaj rolo de specialaj entreprenoj - Parto I, Superrigardo pri la temo kaj speciala pritrakto koncerne INTERCONTAINER - Parto II. La kompanio RAILSHIP kaj la teknika realigo de transmara vagon-transporto inter Hanko kaj Travemünde". Ambaŭ prelegantoj ĉeestis la kunsidon por priparoli lastajn teknikajn bezonojn. La Kongresa Libro bedaŭrinde eĉ ne menciis la titolojn de la du fakprelegoj.

2.
Por 1980 s-ro Poptie informis la kunsidon pri la projektita temo "La fervojoj en la malaltaj landoj". La prelegon verkos inĝ. Meynen el Utrecht, poste ĝi estos tradukita. Tempoplano: Septembro/Oktobro 1979. La titolo ne tute kontentigas, eble ĝi

estos ŝanĝata. Oni pritraktos kaj pontojn trans grandaj riveroj, kaj tunelojn sub riveroj. Adreso de la kontaktpersono: Johano Poptie, poŝtfako 556, NL-3500 AN Utrecht.

3.
Pluraj landaj asocioj ĝis nun ne delegis sian respondeculon por la Fakprelega Komisiono. Nur kiam ĝi konsistos el sufiĉe multaj kompetentuloj, la kontinua laboro de jaro al jaro estos certigita.

4.
La ĝisnuna gvidanto de la Komisiosiono, Willi Brandenburg, kiu plenumis tiun funkcion seninterrompe de 1967, demisiis laŭregulare, sed li restos membro de la Komisiono. Oni novelektis kiel gvidanton Gunnar Thuesen, Danlando, kaj kiel sekretarion Gernot Ritterspach, Germanio.

5.
Dum la 64a Universala Kongreso en Luzerno okazos kontaktkunveno (31-7-79) en la Trafikmuzeo. Gvidos la aranĝon Hans Bipp, prelegos Gvozden Sredić pri "La nova svisa trafikkoncepto". Li ankaŭ informos pri la IFEF kongreso en Turku kaj montros filmon pri INTERCONTAINER.

Ritt.

---

## RIMARKOJ PRI LA KONGRESO

La tempo dum la kongresoj similas al tiu, kiu eble ekzistas en utopiaj mondoj: ĝi fluas pli rapide ol normale, kaj la impresoj diverskoloraj rondiras kiel en iu kalejdoskopo.

Kaj, imagu ..., la okuloj de la redaktoro - kiu pensas pri lia raporto - devas esti ankoraŭ pli viglaj kaj liaj oreloj pli atentemaj ol ĉe la aliaj homoj ...

Jen la rezulto:

Finnlando: por multaj el la sudaj eŭropanoj tiu nomo estis sinonimo de iom nebula malproksimeco; nun, ĝi estas le celo de longega vojaĝo, kie oni ricevas ĉarmajn ridetojn, apenaŭ videblajn, sed tamen simpatiajn kaj ĝentilajn. Tio iĝas tiom malofta en nia mondo!

Haveno. aŭtobuso kaj ... Ikituuri. Ĉu japana vilaĝo? Tute ne: kongresejo moderna, praktika, ĉar ĝi kapablis enhavi - sen tro da ĝeno - pli ol mil religiaj kongresanoj kaj la 354 IFEF-anojn.
Kruçanoj kaj stelanoj samtempe. Kia astronomio!

Tiuj IFEF-anoj penis plenigi la vastan salonon dum la solena malfermo, kiu alportis la tradician ĉenon de belsonaj paroladetoj kun - tamen - unu nova noto: tiu aludo al la formiĝanta Eŭropo, kiu bezonas ne nur benzinon, sed ankaŭ komunan lingvon.

En alia salonego - pli malluma (kvazaŭ por intimaj rendevuoj) - la FISAIC, reprezentita de s-roj Bisch kaj Henry - kun edzinoj - ofertis al ni festvesperon. La animo de la finna popolo estis tie - antaŭ ni - en tiuj folklor-vestitaj dancistinoj kaj kantistinoj, en tiuj muzikoj ĉu dolĉaj, ĉu fortegaj ... kaj la ĝuo estis kompleta por ni - esperantistoj - kiam ni konstatis, kun rideto, la streĉo de la reprezentantoj de la FISAIC, kiuj 3 aŭ 4 foje ripetis la saman frazon en la tiel nomataj "diplomataj lingvoj". Ho, Esperanto,



La blovorkestro de la fervojistoj sub la direkcio de s-ro Källman.

kiel nobla kaj utila vi tiame aperis ...

Kaj estis okazo por ni aŭdi alian nacian lingvon (la nederlandan), kiam nia amiko Wim van Leeuwen ricevis la oran medalon de la FISAIC. Honoron al li ...

Ĉiam en Ikituuri, la laborkunsidoj. Surprizo --- la plenkunsidoj estis sufiĉe bone vizitataj kaj la diskutoj viglaj. Ni nur notu la tre pravan rimarkon pri la estonteco de IFEF, tiu estonteco sen junularo ...

La fermo de la kongreso, post la tuttaga ekskurso, estis tradicia ankaŭ per la transdono de la Esperanto-flago inter du altaj LKK-prezidantoj.

Turku: la 750-jaraĝa, sed ĉiam juna urbo de nia kongreso.

La historio premis, turmentis ĝin, sed ĝi tute resaniĝis, kaj ĝi vivas vigle, komercema, kun tiu saĝa finnlanda junularo, kiu - ŝajne - ne ankoraŭ ricevis la modernajn frenezaĵojn de aliaj anguloj de la mondo.

La regiono de Turku enhavas ravajn lokojn, kaj kiu el ni promenantaj kongresanoj ne pensis sekrete: "Kiom mi ŝatus resti ĉi-tie pli longtempe por ... iom ripozi kaj mediti ... sola."

Verda kaj blua estas la finna naturo kun iom da ruĝo pro la granito kaj la dometoj.

Paco kaj silento --- ĝuste tio, kio mankas al multaj el ni. Ni komprenas nun kial la prezidento Kekkonen, kies residejo mirinda staras en natura parko, estas tia saĝa homo.

Lagoj kaj pinoj, jen la nordaj elementoj inter kiuj la kelkaj urboj kaj industrioj, kiel tiu fabriko de vitraĵoj, kiun ni vizitis, zumas harmonie. Harmonio, tio estas por mi la signifo de Finnlando.

Kaj la kongresanoj? Ni ne forgesu ilin ... ĉar ili estas la kongreso mem. Pri tiuj-ĉi kongresanoj mi ne povas kaŝi iom amaran senton. Pri tio tute ne kulpas la organizantoj, kiuj, kvankam malmultnombraj, sukcesis tamen prepari agrablan kongreson. Kulpas tiuj tiel nomataj "kongresanoj", kiuj eĉ ne unu vorton en Esperanto esprimas kaj kiuj krome ne montras bonvolon por paroli aŭ provi paroli gın. El kiuj landoj ili estas, tio ne gravas, ĉar kvazaŭ ĉiu sekcio de IFEF "kunportas" tiujn turist-esperantist(in)ojn, kiuj ne helpas - tute male - al la internacia etoso.

Ni iomete grumblis pro la FISAIC-paroladojn nacilingvajn; ĉu ni aŭdis NIAN propran internan IFEF-lingvon? Ĉu Babel-turo aŭ Esperanto-kongreso? Jes, estas kotizantoj, sed mi preferas esperantistojn ... Eble la 32-a montros iom da progreso sur tiu tereno. En Nederlando ni vivos kvazaŭ en izolita komunumo. Tiam la partoprenantoj devos NEPRE uzi ESPERANTON.

la Red.

## LA JARRAPORTOJ DE LA LANDAJ ASOCIOJ DE IFEF PRI LA JARO 1978.

### RESUMO KAJ KOMENTARIO

Je la 15a de aprilo ankoraŭ mankis la raportoj de: Britio, Japanio, Jugoslavio kaj Svisio. Poste mi ricevis la jugoslavan.

Nun sekvas la resumo de entute 14 jarraportoj.

21. Landaj estraroj, funkciuloj kaj membraro.
El la raportoj la ĉefkomitatano prizorgas la adresaron de niaj funkciuloj. Do estas grave, ke ĝi restas ĝisdata.

La nombro de la membroj diverskategoriaj estas multe pli alta ol la membronombro de IFEF, kiu ĉiam ne atingis 3000.

En la orienteŭropaj landoj la kaŭzo estas la ebleco por pagi la kotizon, sed ekzemple en Aŭstrio, Belgio kaj Francio oni havas t.n. subtenantajn membrojn, kiuj ne kotizas por IFEF.

22. Eldonado de la landa organo.
Propran gazeton eldonas la landaj asocioj de Aŭstrio, Belgio, Germanio, Francio, Danlando, Hungario, Italio, Jugoslavio kaj Nederlando. Kelkaj aperas ĉiumonate (Danlando, Francio kaj Nederlando), la aliaj 4 ĝis 6 foje ĉiujare.

Informilon eldonas Svedio. Hispanio kaj Finnlando ne disponas pri gazeto. Norvegio disponas pri propra paĝo en Norvega Esperantisto.

23. Rilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj.
23.1. La rilatoj rekte kun la fervojaj instancoj estas bonaj aŭ bonegaj en: Aŭstrio, Danlando, Hungario, Italio, Nederlando, Svedio kaj Norvegio. Maloftaj, depende de la cirkonstancoj, ili estas en Ĉeĥoslovakio kaj Germanio.
23.2. Al la sindikatoj havas bonajn aŭ bonegajn kontaktojn: Aŭstrio, Norvegio, Germanio, Hungario, Italio kaj Svedio. En la aliaj landoj la kontaktoj estas supraĵaj.
23.3. Bonaj aŭ bonegaj rilatoj al la landaj FISAIC-sekcioj ekzistas en Aŭstrio, Belgio, Danlando, Francio, Finnlando, Germanio, Italio, Norvegio, Nederlando kaj Svedio. Tiaj rilatoj tute ne ekzistas en Ĉeĥoslovakio, Hispanio kaj Hungario.
23.4. La rilatoj al aliaj fervojistaj organizaĵoj ne estas oftaj. Mencias ilin: Ĉeĥoslovakio, Danlando, Francio, Germanio kaj Italio. En kelkaj landoj ili ekzistas nur pere de la landa FISAIC-sekcio (Belgio, Nederlando).
23.5. La rilatoj al la ne-fervojistaj organizaĵoj estas eĉ pli maloftaj. Ili ekzistas kontentige en: Francio kaj Italio.

24. Kunlaboro/rilatoj kun aliaj Esperanto-organizaĵoj.
En preskaŭ ĉiuj landoj niaj landaj asocioj bone aŭ bonege kunlaboras kun la landaj UEA-sekcioj. Negative respondas nur Ĉeĥoslovakio, Hispanio kaj Nederlando. Bonaj rilatoj al SAT-sekcioj ekzistas en Belgio, Francio, Nederlando, Svedio kaj Norvegio. Krome rilatojn al aliaj E-organizaĵoj mencias: Aŭstrio, Belgio, Danlando, Francio, Hispanio kaj Nederlando.

25. Informado en plej vasta senco.
25.2.0. Publikigo de gazetartikoloj: En multaj landoj oni sukcesis aperigi gazetartikolojn.
Plej ofte oni ne estas certa pri la nombro.

Tute negative respondis nur: Finnlando, Hispanio kaj Svedio.

25.2.01. Aplikado de la gazetara servo.
Preskaŭ ĉiuj landoj uzis la kongresbultenojn por informado aŭ verki artikolo(j)n.

25.2.02. Rimarkoj pri la gazetara servo.
Nur Danlando rimarkas, ke la kongresbulteno aperu 4 aŭ 5 foje!
La aliaj landoj laŭdas la aperon aŭ silentas.

25.2.1. Publikigo de la faka prelego.
Plene publikigita estas la fakprelego en la finna lingvo en fakgazeto por la fervoja trafiko en Finnlando.
En Germanio aperis resumo germanlingva.
En multaj aliaj landoj aperis resumo aŭ la fakprelego estis menciita.

25.2.1.1. Aliaj fakprelegoj.
Vere originalaj fakprelegoj okazis en Germanio (Bremen). Prelegojn rilate al nia laboro menciis cetere: Belgio, Hungario, Svedio kaj Jugoslavio.

25.2.2. Agadraporto al fervojaj instancoj/rilatoj.
Rekte al la sindikatoj raportas nur Aŭstrio, Hungario, Norvegio kaj Germanio.
Informas la fervojajn instancojn pere de la FISAIC-sekcio: Belgio, Danlando, Francio kaj Nederlando.

25.2.3. Informado en la deĵorejoj.
En diversaj landoj tia informado ekzistas laŭ tute diversaj metodoj:
ĉu pere de la lokaj (deĵor-)informiloj, ĉu pere de afiŝoj.

25.2.4. Agado pere de radio aŭ televido.
En Aŭstrio, Germanio, Jugoslavio kaj Hungario okazis radio-elsendoj aŭ intervjuoj okaze de nia laboro. Kaj en Germanio oni notis dufoje televidelsendon (Munkeno).
La IFEF-sekretariino kunlaboris en radio- kaj televidintervjuo dum la latin-amerika kongreso en Brazilo kaj en radiointervjuo en Stoke-on-Trent (Britio).

25.3. Ekspozicioj.
Aranĝis aŭ kunlaboris en ekspozicioj: Danlando (2x), Francio, Finnlando, Norvegio, Germanio (2x), Hispanio, Hungario (5x) kaj Svedio. Krom multaj vizitintoj la rezulto estis kursoj en Danlando kaj Germanio.

25.4. Distribuado de varbiloj.
Grandskale distribuis afiŝojn, faldfoliojn kaj aliajn propagandilojn: Danlando, Francio, Hungario, Hispanio.
Iomete pli modeste: Finnlando, Italio kaj Nederlando.

25.5. Jarkunvenoj.
Ĉiu raportinta lando okazigis jarkunvenon!
Ofte oni kunlaboris kun aliaj Esp-organizaĵoj aŭ du landaj asocioj kunlaboris (Belgio kaj Nederlando).
La jarkunveno en Jugoslavio finiĝis tragedie, ĉar dum la kunsido la JAFE-prezidanto k-go Mila Veliĉkoviĉ mortis kaj la laboro stagnis.
Plejofte eksterlandaj gastoj ĉeestis.
La programoj estis tre variaj kun ekskursoj, prelegoj ktp. La plej grandaj jarkunvenoj estis tiuj de Germanio kun 216 partoprenintoj el 9 landoj kaj de Francio kun 161 partoprenintoj same el 9 landoj.

26. Junularo.
Ni devas konstati, ke junulargrupo en IFEF nuntempe tute ne ekzistas.
En Aŭstrio estis iom da agado, sed sen sukceso; en Germanio kelkaj dekoj da junuloj estas membroj, sed ili ne agas kiel grupo. En Jugoslavio papere ekzistas junularsekcio, sed la agado ne havas signifon.
Ege bedaŭrinda afero entute.

27. Varbado.
Pri la varbado io nova ne estis menciita. Francio mencias daŭrigan aktivecon kaj gajnon de membroj. Germanio mencias la oficialan sciigon per deĵoraj anonciloj de kursoj.

28. Terminara laboro.
Ĝojige estas, ke ĉiam aktiveco estas sufiĉe granda. Ankaŭ dum la jaro 1978 kolego Hartig en Bremen aperigis regule la "Terminara Kuriero"-n por stimuli la laboron de la diversaj landaj kunlaborantoj.
En aprilo 1978 okazis denove interkongresa terminarkunveno: nun en Bruselo kun partoprenintoj el Germanio, Nederlando, Belgio, Francio kaj Hungario.
En la pasinta jaro aperis:
1. la franca terminareto, bone prizorgita de FFEA.
2. la traduko de TCV, kajero I, verkita de kgo Narvala kaj eldonita dank'al la zorgoj de kgo Ritterspach.

101. Diversaĵoj.
Ĝenerale: nia IFEF-sekretariino faris longan vojaĝon al Brazilo kaj i.a. vizitis la unuan latinamerikan kongreson. Kompreneble ŝi tre multe parolis pri nia movado kaj aliflanke, reveninte, ŝi entute 16-foje prelegis pri siaj travivaĵoj. Por tiu celo ŝi vizitis anglajn, danajn, germanajn kaj nederlandajn urbojn kaj Esperanto-klubojn.

Plue ni notis:
Aŭstrio: organizado de la 20a internacia skisemajno;
Belgio: partoprenado en eksterlandaj jarkunvenoj;
Finnlando: Preparlaboro por la 31a IFEF-kongreso en Turku;
Germanio: inaŭguro de Esperanto-vojo en Schwelm: 200 personoj el diversaj landoj;
Hungario: landa renkonto en Debrecen en kiu ĉeestis 300 partoprenintoj el 9 landoj!
Italio: granda aktiveco pro la 30a IFEF-kongreso en Romo; starigo de la interparlamenta grupo de "Amikoj de Esperanto";
Nederlando: partoprenado en eksterlandaj jarkunvenoj; starigo de LKK por la preparlaboro por la 32a IFEF-kongreso.

Kaj ĉi tie mi finas la resumadon el 14 jarraportoj. Mi ege bedaŭras, ke estis nur 14, ĉar kompreneble ju pli da raportoj des pli bona la impreso pri nia laboro. Mi dankas la raportintojn pro la farita laboro.
Amsterdam, aprilo 1979.
la kompilinto: W. L. van Leeuwen.

## 31a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso, Turku, Junio 1979

## Resumo de du fakprelegoj, originale verkitaj en Esperanto

PARTO I

### Kombinita vartrafiko kaj rolo de specialaj entreprenoj.

De magistro Gvozden SREDIĈ, estro de orientaj transportmerkatoj en la Societo INTERCONTAINER, Basel (Svislando).

1. Kombinita trafiko.
Jam de pluraj jaroj sentiĝas krizo de klasika fervoja vartransporto "de stacio al stacio", kie la varo estas manipulata pecon post peco. Dank'al intertempe realigita teknika progreso komencis ĉiam pli altrudiĝi diversaj formoj de tiel nomata kombinata

transporto. Sub la nocio "kombinata transporto" oni komprenas transporton de diversaj pli malpli normigitaj ŝarĝoj ("moduloj") sub jenaj kondiĉoj:

- la varo estas transportata "de pordo al pordo", tio estas rekte de ekspedanto ĝis la adresato;

- en la unusola transport-procedo estas uzataj transportiloj de diversaj transportbranĉoj depende de iliaj teknikaj, ekonomiaj kaj aliaj avantaĝoj;

- dumvoja manipulado okaze de ŝanĝo de trafikbranĉo realiĝas pere de transportilo mem kaj ne per varo el kio ankaŭ rezultiĝas pluraj raciigaj efektoj.

Tiu dumvoja manipulado povas okazi:

a) horizontale, kiel ĉe la paledizado, transporto de malgrandaj kaj mezgrandaj konteneroj, kombinita trafiko fervojo/ŝoseo (ekzemple, laŭ sistemo nomata "hukepak", piggy-back aŭ kanguruo), fervojo/maro (pramŝipoj), aŭ ŝoseo/maro (tiel nomata sistemo "ro/ro") aŭ

b) vertikale, kaj tiam oni parolas pri la tekniko "lo/lo" (angle: lift on/lift off), tio estas pri transporto de grandaj konteneroj aŭ de interŝanĝeblaj kamionkestoj aŭ pri la mar-rivera kombinita trafiko laŭ sistemo "Lash" k.a.

Moderna kombinita trafiko plenumas plurajn trafik-politikajn celojn: deŝarĝigon de ŝoseoj (sekve pligrandigon de sekureco kaj rapideco), pli bonan utiligon de fervojaj kapacitoj kaj sekve malgrandigon de deficito, pli bonan protekton de la naturo, ŝparojn de energio ktp. Pro tio ĝi ĉiam pli disvastiĝas en la tuta mondo.

## 2. Rolo de specialaj entreprenoj.

2.1. INTERCONTAINER. Tiu ĉi internacia societo estas fondita en decembro 1967 flanke de eŭropaj fervojoj por koordino kaj disvolvigo de la translima kontenera trafiko sur la eŭropa fervoja sistemo. La societo funkcias ek de tiam kiel komuna komerca agentejo de fervojaj membroj, kaj ĝia plej grava tasko estas altiri por fervoja transporto kiel eble plej grandan volumenon de kontenera trafiko. La kompanio, do, ne klopodas unuavice labori nepre kun profito, kvankam ĝi cetere funkcias laŭ normalaj komercaj principoj rilate kostojn kaj enspezojn.

La kompanio Intercontainer disponas pri parko de specialaj kontener-portaj vagonoj, kiuj estas tre racie uzataj dank'al centrigita sistemo de kontrolo kaj disponigo. Nuntempe la nombro de vagonoj estas: 1352 vagonoj longaj 60 futojn kun du boĝioj kaj 100 artikitaj vagonoj longaj 80 futojn kun tri boĝioj. Por respondi al ĉiam pli grandaj bezonoj de la merkato oni decidis mendi ankoraŭ 800 vagonojn precipe 60-futajn sed parte ankaŭ 40-futajn kun du aksoj.

La unuaj konteneroj en reĝimo de Intercontainer estis transportitaj en majo 1968 atinginte ĝis la fino de la jaro modestan nivelon de ĉirkaŭ 12000 dudek-futajn kontener-unuoj. En la sekvaj jaroj la evoluo de trafiko estis tre impresiga: en 1970 ekzemple oni transportis preskaŭ 200.000 unuojn kaj kvin jarojn poste (1975) la jara transportkvanto pli ol duobliĝis (415.000 unuoj). Fine de la pasinta (jubilea) jaro estis transportita 3-miliona kontenero sub la signo de Intercontainer.

Eŭropaj fervojoj investis en la konteneran transport-sistemon grandegajn monsumojn. Ili konstruis (kaj konstruas) konteneraj terminalojn, ili aĉetas kontener-portajn vagonojn, ĉasiojn por ŝosea al- kaj fortransporto de konteneroj, iuj fervojoj (aŭ iliaj

"filinoj") investas monon ankaŭ en havigon de kontenerojn, iuj eĉ posedas specialajn kontener-portajn ŝipojn (SNCF) ktp. Tiuj vere grandegaj investoj estas faritaj (kaj farataj) en klopodo kompletigi fervojan transportservon en vartrafiko kaj plialtigi ĝian kvalitan nivelon por tiamaniere plibonigi pozicion de la fervojo sur la transport-merkato. En tiu senco estas orientitaj ankaŭ komercaj kaj aliaj klopodoj de la societo Intercontainer, ĉar ĝiaj interesoj (kaj destino) estas tute identaj kun interesoj de fervojaj membroj. La ĝisnuna evoluo klare montras, ke la komerca koncepto de Intercontainer trovis sian plenan pruviĝon sur la merkato. Oni povas diri, ke fondinte Intercontainer la fervojoj faris ion bonan por sia estonto, la estonto tutcerte grandanime rekompencos ilin.

2.2. Naciaj specialaj entreprenoj.
En pluraj eŭropaj landoj kombinita trafiko en siaj diversaj teknikaj kaj organiżaj formoj havas sufiĉe longan tradicion, kvankam la unuaj impulsoj por ĝia ekesto kaj evoluo venis precipe el transmaraj regionoj. En Francio ekzemple jam antaŭ pli ol tridek jaroj, do, tuj post la milito fondiĝis speciala entrepreno "Novatrans" por kombinita vartrafiko fervojo/ŝoseo laŭ sistemo nomata "kanguruo" (pro la poŝo en la planko de speciala fervoja vagono).
Tiun ekzemplon sekvis poste aliaj landoj, ĉar ĝi montris bonajn rezultojn.

Nun tiaj specialaj entreprenoj ekzistas en FR Germanio (Kombiverkehr KG), Svislando (Hupac), Belgio (TRW) Nederlando (Trailstar), Italio (Ferpac) Svedio (ASG) kaj aliaj landoj. Ekzistas ankaŭ internacia unio de tiuj entreprenoj (UIRR).

Por kontenera trafiko ekzistas ankaŭ jam de longe entreprenoj en pluraj eŭropaj landoj. Ni menciu ĉi tie nur kiel ekzemplon iujn la plej gravajn: Freightliner en Britio, CNC en Francio, Transfracht en Germanio FR, DDR-Cont en GDR, Mavtrans en Hungario ČSKD-intrans en Ĉeĥoslovakio ktp. Tre ofte tiuj entreprenoj funkcias kiel "filinoj" de naciaj fervojoj, kiuj kutime disponigas grandan parton de fondkapitalo. Tiuj entreprenoj reprezentas la societon Intercontainer en koncernaj landoj.

La rolo de specialaj naciaj entreprenoj por la konbinita trafiko ne ĉesas nepre sur la limoj de koncerna lando. Kombinita trafiko postulas longajn fervojajn distancojn kaj, do, laŭ sia naturo inklinas al internacieco. Krom tio, ĉiu organiza, teknika aŭ alia plibonigo en naciaj limoj nepre respeguliĝas samtempe ankaŭ sur la internacia nivelo. Tiuj entreprenoj posedas ankaŭ aliajn avantaĝojn, kiuj devenas el ilia specialigo: pli profundan konon de la koncerna merkato kaj medio, koncentrigon de specialistoj, pli bonan utiligon de specialaj instalaĵoj ktp. Pro tio ili estas fondataj en ĉiam pli multaj landoj.

PARTO II

## La kompanio RAILSHIP kaj la teknika realigo de transmara vagontransporto inter Hanko kaj Travemünde

De magistro Nils Gösta NARVALA, em. ĉefinspektoro en Ekonomia Servo de Finnaj Ŝtatfervojoj.

Komenca ekspliko.
Ĝis lastaj jardekoj la tradiciaj kargoŝipoj ĉiam peris plejparton de vartransportoj inter Finnlando kaj meza Eŭropo. Ekde 1950-aj jaroj tamen la novtipaj pramŝipoj komencis transporti kamionojn kun siaj ŝarĝoj transmaren. Tia evoluo instigis ankaŭ fervojojn provi novajn metodojn. La Svedaj kaj Finnaj Ŝtatfervojoj 1967

komune establis pramŝipan linion inter Naantali (apud Turku) kaj Stokholmo por transporti normalŝpurajn vagonojn ĝis Naantali. Tie okazis Transŝarĝado en larĝŝpurajn vagonojn. Pro la relativa neprofiteco la trafiko estis ĉesigata je la jarŝanĝo 1975/76. Tamen en la privata sektoro de martrafikantoj kaj ekspedagentejoj troviĝis sufiĉe da iniciatemo por daŭrigi la klopodojn. Partneroj en la iniciato estis: la Finna Vaporŝip-Kompanio "EFFOA", la hamburga "H. M. Gehrckens GmbH" kaj la ekspedfirmaoj "Schenker kaj Co GmbH" kaj "Spedition Kühne kaj Nagel".

La nova entrepreno konstruigis specialan, nur por vagontransitado destinitan pramŝipon kaj propran vagonstokon permesantan la interŝanĝon de boĝioj resp. radaks-kompletoj. Kiel simbolon por la tuta sistemo oni alprenis la karakterizan nomon "Railship". La ekspluatado komencis en februaro 1975.

La surteraj teknikaj instalaĵoj konsistas en Hanko el proksimume 2 km longa funkciad-areo, ampleksanta du trakgrupojn: unu apud la pramŝipkajo je ŝpuro 1435 mm kaj alia pli malproksime je ŝpuro 1524 mm. Inter la trakgrupoj situas la Boĝiŝanĝa Halo, kie la alpuŝitaj vagonoj estas levataj per specialaj levstabloj, la boĝioj malfiksataj kaj translokataj, helpe de ponta levinstalaĵo, sur magazentrakojn je responda ŝpuro. Aliŝpuraj boĝioj troviĝantaj aliflanke estas alportataj kaj fiksataj. La tuta operacio postulas 10 min/vagono. Lokomotivo de la kompanio puŝas la enŝipigotajn vagonojn trans 42 m longan klapponton sur la mezan ferdekon, surprame specialaj traktoroj "Unilok" poziciigas la vagonojn pere de duetaĝa lifto sur la tri ferdekoj.

La pramŝipo mem, MS "Railship I", ĝis novembro 1978 la plej granda trajnportanta pramŝipo en la mondo, estas 150 m longa kaj 21.60 m larĝa. Ĝi pretkonstruiĝis en januaro 1975 ĉe la ŝipfarejo Rickmers Werft en Bremerhaven. La ŝipo enhavas 1370 m da trakoj kaj povas transporti ĝis 60 kvaraksajn vagonojn. La du ĉefmaŝinoj produktas 2 x 10.000 ĉp (aŭ en novaj norm-unuoj 2 x 7355 kW), ebligante la rapidecon de 20-21 nodoj. Por traveturi la 1000-kilometran distancon la ŝipo bezonas 30 horojn. La el- kaj enŝipigo de vagonoj en haveno postulas ĉ. 6 horojn. Tiel la pramŝipo povas alveni en ambaŭ terminalhavenoj ĉiun trian tagon. Por pligrandigi la kapaciton oni nun preparas plilongigon de la tuta pramo je 27 m; poste oni povos enŝipigi 75 vagonojn.

La vagonstoko de la kompanio konsistas ĝis nun el ĉirkaŭ 500 kvaraksaj unuoj, je tri tipoj: tegmenta varvagono "Habis" kun ŝoveblaj flankvandoj, du boĝioj, ŝarĝkapablo 52,5 tunoj; aperta varvagono "Laas" aŭ kombinita vagonduopo, ekipita per kvar radakskompletoj, ŝarĝkapablo 2 x 27 tunoj; aperta varvagono "SPS" ekipita per du boĝioj, ŝarĝkapablo 56 tunoj.

Ĝis nun la kompanio ne konstruigis specialvagonojn, sed kunlaboris kun la germana kompanio VTG (Vereinigte Tanklager- und Transportmittel GmbH), kiu disponigis al Railship diverstipajn cistern-vagonojn, permesantajn la ŝanĝon de boĝioj/radakskompletoj. Kelkfoje akceptiĝis al transporto ankaŭ termoizolitaj Interfrigo-vagonoj kaj basplatformvagonoj kun pezaj ŝarĝobjektoj.

Transport-juro. Tiu ĉi integrita transportsistemo, kvankam funkcianta normale inter du fervojaj stacioj, diferencas el jura kaj komerca vidpunktoj de normalaj fervojtransportoj. La Internacia Konvencio CIM ne validas sur la finna kaj mara vojsekcioj, kio necesigas apartajn transportdokumentojn. Por la finna sekcio oni utiligas finnan enlandan frajtleteron, kaj por la mezeŭropa fervojdistanco laŭ-

kaze internan germanan frajtleteron aŭ internacian CIM-frajtleteron. Por la mara linio oni ĉiam pretigas konosamenton, kaj la frajto kalkuliĝas aparte kiel kutime en martrafiko.

Finkonstato. Malgraŭ la ĝenerala stagnado en komerca aktiveco en Eŭropo, la funkciado de la pramŝipa linio kaj ĝia kunlaboro kun fervojoj dum la lastaj 4 jaroj sufiĉe bone evoluis kaj stabiliĝis. La transportitaj varokvantoj atingis lastjare ĉ. 7800 vagonojn kaj 280.000 tunoj da varoj.

## IFEF - FONDUSO

La 20-a IFES sendis al la IFEF-kaso 500 kronojn kiel kontribuon al IFEF. La estraro opinias, ke tiu mono povus utili al estontaj skisemajnoj aŭ similaj aranĝoj.
Tial ni starigis novan fonduson kaj cetere dum la kongreso aldoniĝis mondonaco je 50 GM. Do jam estas mono en la fonduso, sed ni volonte akceptas kontribuojn kaj proponojn pri subteno al junula partoprenonto en venonta aranĝo.

la kasisto.

## EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

Ĉeĥoslovakio.
La 13/14-an de oktobro 1979 okazos en la ĉefurbo Praha jarkunveno de ĉeĥoslovaka fervojista sekcio. Precizajn informojn bonvolu peti de s-ano Jiri Pistora, nám. Míru 1746, CS-560 02 Česka Trebová, ČSSR.

Esperanto en la ĉeĥoslovaka horaro.
Ankaŭ en la horaro de ĉeĥoslovakaj Ŝtatfervojoj nun troviĝas la klarigoj por pasaĝeroj en la internacia lingvo Esperanto.

## STATUT - ŜANĜOJ

La statut-ŝanĝoj deciditaj de la Komitato en la kongreso de Turku aperos en la venonta bulteno IF 5 (lasta folio).

Rd.

# Gravaj Enhavaĵoj



La redaktofino por la venonta IF estas 20.9.79

Preso: Esperanto-Centro, Århus.